## Belga Ligo Esperantista.

ĜENERALA KUNVENO DUM LA DIMANĈO

28ª DE JULIO 1907.

*Loko : Domo « La Louve »*

— Granda Salono de la unua etaĝo —

5 Grand' place, Bruselo.

je la 10ª horo matene.

— TAGORDO —

1e Bonveno-Priparolo de la Prezidanto.
2e Raporto de la ĝenerala Sekretario pri la agado de la Ligo dum la pasinta jaro.
3e Raporto de la Sekretario-kasisto kaj prezento de la bilanco.
4e Disdono de la diplomoj al la kandidatoj, kiuj ricevis la ateston pri profesora kapableco.
5e Raportoj de la Ligaj grupoj pri ilia agado.
6e Baloto por elekto de ses membroj de la komitatoj; la membroj elirantaj kaj elekteblaj estas Fraŭlino E. Lecointe kaj Sroj Ch. Lemaire, Luc. Blanjean, Jos. Jamin, M. Seynave kaj Raym. Van Melckebeke.
7e Propono pri ŝanĝoj de la Regularo de la Ligo.
8e Diversaj sciigoj.

N. B. — Por partopreni la elekton de la membroj de la komitato, elektotaj de la ĝenerala kunveno, la membroj de la Ligo bonvolu sin provizi per la membrakarto de sia grupo se ili estas membroj de ia Liga grupo, aŭ per la membrakarto de la Ligo se ili estas nur individuaj membroj.

## Belga Ligo Esperantista.

Kunveno de la komitato de la Ligo okazis dum la dimanĉo 7ª de Julio ĉe la sidejo de la Ligo, 53, strato Ten Bosch en Bruselo. Ĉeestis al tiu kunveno Sro Komandanto Ch. Lemaire, prezidanto, Sroj Van der Biest-Andelhof kaj Luc. Blanjean, Vicprezidantoj, Fraŭlinoj A. Guilliaume kaj E. Lecointe, Sinjorino Xhoffer (okaza delegitino el Verviers) Sroj Calais, Ed. Mathieu, A.-J. Witteryck kaj Jos. Jamin, sekretario. La aliaj membroj senkulpigis sian foreston pro diversaj kaŭzoj. La sekretario legas la protokolon de la antaŭa kunveno kaj proponas la tagordon de la proksima ĝenerala kunveno de la Ligo; tiu tagordo estas unuvoĉe akceptita.

Oni decidas ke la kunveno okazos dum la dimanĉo 28ª de Julio, je la 10ª horo matene, en loko de la grupo « Pioniro » kaj la komitato kunvenas aparte posttagmeze, por diskuti kelkajn proponojn.

La jara raporto de la sekretario estas ankaŭ akceptita. Je la nomo de la ĵurnalo « La Belga Sonorilo » ĝis nun oficiala organo de la Ligo, Sro Komandanto Lemaire prezentas kelkajn sciigojn pri la kosto de la abono por la proksima jarkolekto. La prezo estos por ĉiuj 6 frankoj kaj la rabato ĝis nun konsentita ne plu estas ebla; kon ekvence oni ne plu povos altrudi abonon de la ĵurnalo al la komitatanoj de la Ligaj grupoj; ĉiu estos tute libera aboni la ĵurnalon aŭ ne. Pro tio, estas necesa ŝanĝi kelkajn artikolojn de la regularo de l' Ligo. Oni ekzamenas la demandon kaj oni decidas ke la ŝanĝoj estos proponitaj en la ĝenerala kunveno.

Sro Ansiaux sekretario de la Lieĝa grupo sciigas ke tiu grupo foriĝos el la Ligo; tiu situacio estas akceptita, tamen estus dezirebla ke oni ricevu kelkajn klarigojn pri tiu decido.

La prezidanto klarigas la decidon de la Asocio de la Akademioj pri la demando de la elekto de internacia helpanta lingvo; la Asocio forĵetis la demandon kaj la Delegacio elektis la komitaton kiu, de nun, ekzamenos la diversajn proponojn kaj decidos pri la solvo de la problemo.

La prezidanto anoncas ke li ricevis proponon por akiro de dokumentoj rilataj al la historio de la diversaj projektoj de internaciaj lingvoj; la kolekto estas tre riĉa kaj plena. Oni decidas ke Sroj Luc. Blanjean, H. Calais kaj Jos. Jamin vizitos la proponanton kaj raportos pri la kolekto.

Oni decidas ankoraŭ ke, dum la ĝenerala kunveno de la Ligo, oni uzos nur Esperanton. La komitatanoj disiĝas je la unua horo post tagmeze.

La ĝenerala sekretario,

JOS. JAMIN.

La ekzamenoj por l' akiro de l' Atesto pri profesora kapableco okazis en loko de la grupo Pioniro en Bruselo, dum la dimanĉo 7ª de Julio.

La kandidatoj estis: Fraŭlinoj C. Simon el Bruselo kaj B. Ledène el Bruĝo, Sino Broymans-De Schutter el Antverpeno, Sroj Luis Carlos el Bardonnechia (Itallando), leŭtenanto Giminne el Bruselo, Octave Chalon el Bruselo kaj leŭtenanto Van Weyenbergh el Bruĝo.

Dum la ĵaŭdo 11ª de Julio, abato Honincks, pastro en La Plante (Namur) sin prezentis al la juĝantaro.

Ĉiuj sukcesis. Ili bonvolu akcepti la sincerajn gratulojn de « La Belga Sonorilo ».

—

Por eviti malagrablajn malfacilaĵojn renkontitajn en organizo de tiu ekzameno, la estontaj kandidatoj bonvolu skribi persone al la prezidanto de la Ligo kaj provi, de ia maniero, ke ili estas membroj de la Ligo aŭ de ia Liga grupo. Tio, ŝajnas al ni, estas elementa kondiĉo.

———

## Delegacio por alpreno de internacia helpanta lingvo.

La Asocio internacia de la Akademioj ne akceptis la rolon kiun al ĝi oni oferis, estas diri la elekton de ia internacia helpanta lingvo. Ni ne ricevis ĝis nun la oficialan protokolon sed ni scias ke kelkaj naciaj Akademioj bone akceptis la proponon. Tiu rezultato ne devas malĝojigi la Esperantistaron, kontraŭe la rezultato estas sufiĉe grava kaj estis tiel antaŭvidita. De nun la « Delegacio » estas difinita por solvi la problemon.

La « Delegacio por alpreno de internacia helpanta lingvo » kiu de nun laboras por elekto kaj enkonduko en mondo de internacia lingvo, starigis ĝian komitaton krom la anglaj kaj japanaj delegitoj.

La komitato konsistos el:

*Germanlando:* Sro W. Förster, membro de la Akademio de Berlin, direktoro de la Observatorio, prezidanto de la internacia Komitato de la Peziloj kaj Mezuriloj.

Sro W. Ostwald, membro de la Akademioj de Amsterdam, Berlin, Budapest, Boston, Peterburg kaj Wien, kaj de la Societoj pri sciencoj de Göttingen kaj Leipzig.

*Aŭstrolando.* Sro Hugo Schuchardt, membro de la Akademio de Wien, korespondanto de la Instituto de Franclando kaj de la Akademio de Munich, fremda societano de la Akademioj de Budapest, Roma, k. c.

*Belglando:* Sro C. Le Paige, direktoro de la Klaso de sciencoj de la reĝa Akademio de Belglando, administranto inspektoro de la Universitato de Liége.

*Danlando:* Sro Otto Jespersen, membro de la reĝa Akademio dana de Sciencoj, profesoro de la Universitato de Kobenhavn.

*Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj:* Sro George Harvey, eldonisto de la « Harper's Weekly » (New-York).

*Franclando:* Sro Emile Boirac, rektoro de la Universitato de Dijon.

Sro Charles Bouchard, membro de la Akademio de Sciencoj kaj de la Akademio de Medicino el Paris.

*Greklando:* Sro Lambros, antaŭa rektoro de la Universitato de Athenes, sekretario ĝenerala de la Komitato de l' Olimpiaj Ludoj, organizanto de la unua internacia Kongreso arkeologia.

*Hungarlando:* Sro R. Eötvös, membro de la hungara Akademio de Sciencoj, prezidanto de la Matematika kaj Fizika Societo el Budapest.

*Perulando:* Sro Manuel C. Barrios, fakultestro de la Fakulto de Medecino el Lima, prezidanto de la Senato de Perulando.

*Ruslando:* Sro J. Baudoin de Courtenay, profesoro de la Universitato de Peterburg, korespondanta membro de la Akademio de Peterburg, membro de la Akademio de Krakovio.

La sekretarioj de la Delegacio estos Sroj L. Leau kaj L. Couturat.

## NEŬTRALECO DE ESPERANTO.

Nia legantaro konas sufiĉe nian opinion pri la plena neŭtraleco de la lingvo; ni raportas egale la sciigojn ricevitajn el la plej diversaj centroj de la homa agado, kaj ni diferencigas nek la religiojn, nek la partiojn, nek la naciojn, nek la opiniojn, k. c.

Esperanto apartenas al ĉiuj kaj neniu povas aljuĝi al ĝi politikan nuancon, religian celon; ĝi estas la lingvo de ĉiuj, por ĉiuj, sen escepto, kiel la niaj gepatraj lingvoj.

La artikolo enlokigita en la junia numero de l' ĵurnalo « L'Espérantiste » taŭgas por elmontro de nia neŭtraleco kaj la okazo, kiun ĝi trafas, estas tre karakteriza. Ni aprobas plene la opinion de la Direkcio de nia kunfrato « L'Espérantiste » kaj plezure reproduktas ĝin sube.

### LIA EPISKOPA MOŜTO FOUCAULT.

**Malvera certigo kaj silentado.**

Tuj de l' unuaj tagoj de nia propagando, en 1888, ni certigis pri la neŭtraleco de Esperanto rilate al ĉiuj ideoj religiaj, politikaj aŭ societaj, kiuj dividas inter si la mondon. En niaj artikoloj, en niaj prospektoj aŭ cirkuleroj, eĉ en niaj verkoj, kiam tio estis necesa, en l' *Espérantiste*, komence de l' regularo de la S. f. p. E., en tiu de ĝiaj grupoj, ĉie kaj ĉiam, de preskaŭ 19 jaroj, ni certigadis, ĉiutone ripetadis tiun ĉi severegan neŭtralecon. Nia obstina persisteco konvinkis la tutan korporacion esperantistan pri la logikeco kaj neceseco, en kiuj ni estas, konservi ĝin absolute, pro la celo mem de Esperanto. Ĝi estis fariĝinta ago kaj fakto inter ni, ĝenerala kondutplano por ni, kiam la Boulogne'a kongreso alportis al ĝi la plifortigon de publika kaj solena deklaracio el la plej precizaj. Nek antaŭ, nek poste, ne unu propaganda societo esperantista en la tuta mondo, ne unu grupo propaganda, kiel ajn malgranda ĝi estas, faris agon aŭ diris vorton kapablajn inspiri dubon pri la neŭtraleco de l' Esperantismo (1). Kaj tamen, kun malseriozeco, egalita nur de la malvereco de l' certigo, franca episkopo, prezidante kunsidon de l' kongreso Jeanne d'Arc, lia episkopa Moŝto Foucault, de Saint-Dié, forigis proponon pri Esperanto, sub tiu ĉi preteksto, ke « Esperanto estas entrepreno inspirata de l' framasonoj ». Petita diri, sur kio li fondis sian certigon, kaj admonita ĝin korekti, la episkopo rifuĝis en silentado, kiun eble li juĝas tre inda, sed kiun oni havas la rajton taksi tute diference.

Ĉu li diros, ke Esperanto varbis ne nur katolikojn, ke ĝi povas servi kaj servas al protestantoj, al hebreoj, al ortodoksaj-grekoj, al Budhistoj, al framasonoj, k. t. p. Nu, jes vere, kiel ĉiu lingvo, kiel la franca, eĉ kiel la latina, kiun la katolika eklezio ne forĵetis, kvankam dum centjaroj ĝi estis la plej granda ilo por disvastigi ĉiujn herezojn, kondamnitajn de ĝi. Se tia estas la senkulpigo de l' episkopo, ni agos pli bone, se ni ĝin ne taksos, pro ĝia manko de apogpunkto.

Se homoj, ne havantaj la religion nek la ideojn de l' katolikoj, ne miras trovi tiom da ili en l'Esperantismo eĉ prezidantaj grupojn aŭ societojn, kial la katolikoj mirus renkonti en ĝi homojn de alia kulto, eĉ liberpensulojn kaj framasonojn? Kial el la fakto, ke kelkaj ludas saman rolon kiel ili, ili farus malsaĝan konkludon? Ĉu lingvo ne apartenas al ĉiuj kaj ĉu ĝi povas demandi pri la opinioj aŭ la religio de siaj propagandantoj? Se tio estas vera pri nacia lingvo, tio estas centfoje pli vera pri lingvo internacia, eĉ limigita en la kampo, kiun donas al ĝi la Esperantistoj. Havi la volon fari el tiu ĉi lingvo la propraĵon de unu kulto, sekto aŭ partio, tio estus pura idioteco tiel egale kiel neebleco, ĉar ĉiu povas uzi ĝin kie, kiam kaj kiel li volas, por la celoj preferataj de li. Sed ĉu tiu neevitebla miksaĵo de homoj, apartenantaj al ĉiuj kultoj kaj al ĉiuj opinioj, ne estas per si mem kontraŭon al tiu aŭ alia superregado en afero tiel fremda por politiko aŭ religio? Sed do la katolikoj pretendus esti la mastroj de Esperanto, ili ne estus malpli absurdaj ol nekatolikoj, kiuj prezentus la saman pretendon. Kaj, se unuj ĝin malŝatus pro la ĉeestado de la aliaj, ili aljuĝus al si diplomon de idioteco.

(1) *Tio ĉi estas disciplina fakto el la plej rimarkindaj kaj pro kiu oni ne povus tro laŭdi la Esperantistojn.*

Fakte, ni estas antaŭ homo, kiu sen kaŭzo, sen ia pruvo eldiras publike pri miloj da forestantoj opinion kapablan malutili al ili ĉe multego da personoj; tion li faras antaŭ tre multaj aŭdantoj, en kongreso, pri kiu raportas la gazetoj; li parolas kiel prezidanto de l' kunsido kaj necese kiel episkopo, ĉar episkopo li estas, kaj kiel episkopo li prezidas; ĉi tiuj kondiĉoj plifortigas ĉiuj lian malveran certigon, kaj kiam oni diras al li : « pruvu aŭ malkonfesu », **li silentadas**. La zorgon pri nomo por tia faro ni lasas al ĉiuj Esperantistoj.

Ĉiuj, efektive, estas tuŝitaj. Unue multo da katolikaj pastroj kun la miloj da fideluloj de l' eklezio roma, por kiuj tiu ĉi malvera certigo de l' episkopo estas kulpigo. Poste ĉiuj, kiuj ajn ili estas, al kiuj ne plaĉas la Framasonaro, kaj kiuj havas nenian ligilon kun ĝi. Fine la framasonoj, kiuj troviĝas inter ni kaj al kiuj la episkopo tiel senkaŭze aljuĝas faron, pri kiu ili estas perfekte senkulpaj; tion ni ĉiuj scias. Tiuj ĉi certe konas la komencan rolon luditan en la Esperantismo de du certaj katolikoj : S[ro] de Beaufront kaj S[ro] René Lemaire. Ili scias, ke la unua verko Esperanta, presita sur la Francuja tero, estis preĝareto por katolikoj kun « imprimatur » de kardinalo Langénieux, ĉefepiskopo en Reims, kaj poste kun alia « imprimatur » (prespermeso) de la kardinalo, ĉefepiskopo en Paris. Ili scias, ke lia episkopa moŝto Renou, ĉefepiskopo en Tours, aprobis kiel tre kristanan la esperantistan entreprenon de pastro E. Peltier, « *Espero katolika* ». Ili scias, ke papo Pio X[a] ankaŭ ĝin benis, la laston jaron. Kaj tamen ili neniam diris, ke « l'Esperantismo estas entrepreno inspirata de la katolikaro ». Kontraŭe nenio simila okazis por Esperanto sur la Framosonara flanko; sed lia Moŝto episkopa Foucault malgraŭ tio certigas, ke « l'Esperantismo estas entrepreno inspirata de la Framasonaro ».

Pli akravidaj, pli liberalaj kaj pli justaj, ĉiuj ne-katolikoj de l'Esperantismo neniam ofendiĝis de l'agoj, per kiuj la katolikaj Esperantistoj penadis propagandi Esperanton en sia anaro. Kaj eĉ, kiam la Papo benis *Esperon katolikan*, kiu legis tiun ĉi benon en nia Ĝeneve'a kongreso? pastro protestanta. Kiu ĝin aprobis laŭte? liberpensulo, kiu sin diris tia por doni pli da forteco al sia aprobo. Kiu aplaŭdis al ĝi? Ĉiuj kongresanoj, al kiu ajn kulto ili apartenus. Kaj se, en la komenco, la du katolikoj, kiujn ni nomis pli supre, ne inspiris ian malkonfidon al la ne-katolikaj Esperantistoj, la kaŭzo estas, ke, en plena sincereco, ili proklamis pli laŭte, ol ĉiuj, tiun ĉi elementan principon de saĝo, ke, fariĝante Esperantisto, oni oferas nenion el siaj opinioj, nek el la absoluta rajto ilin servadi kaj defendadi per Esperanto, kiel per ĉiu lingvo. Ĉiuj komprenis ĉe ni, kion lia episkopa Moŝto Foucault evidente ne komprenas, ke l'Esperantismo ne estas alia afero, ol la penado farata de ĝiaj adeptoj, por enradiki Esperanton en la mondo kiel lingvon helpantan aŭ supleantan kaj sekve en ĉiuj anaroj, kie ĝiaj propagandistoj agadas.

Se la episkopo de Saint-Dié estis malbone informita (kaj tio ŝajnas evidenta, kvankam malfacile akceptebla), li devus esti silentinta pri l'Esperantismo. Se li estis bone informita, li devus esti parolinta pri ĝi tute alie. Fine, post niaj klarigoj, li devus esti malkonfirminta sian diron, kiel devas en simila circonstanco ĉiu homo amanta la justecon. Li neniel agis tiamaniere. Li do ne miru, ĉar li estis avertita, se li vidas nin liveri lian faron, kiu estis ja publika, al la juĝo de l' publiko. Ni eĉ admonas niajn diverslandajn revuojn konigi tiun faron al siaj legantoj. Estas necese, ke ni ŝirmu nian entreprenon kontraŭ la malutilo, kiun tiu episkopa parolo povus alporti al ĝi inter la ne avertitaj katolikoj. Oni ne povas diveni, ke episkopo estas kapabla preni sur sin aŭ konservi eraron de tia vasteco.

LA DIREKCIO.

---

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**St. Trond.** — Un de nos amis, qui vient de visiter l'exposition actuellement installée à St. Trond, nous a dit que l'Esperanto aura un pavillon spécial dans les jardins, dans lequel on exposera les documents que le groupe local a recueillis. Nous recommandons la visite de ce stand à tous ceux qui ont l'intention de visiter cette intéressante exposition.

**Spa.** — Une autre exposition de documents espérantistes est organisée à Spa, elle est ouverte depuis quelques jours. La société Espérantiste de Verviers et le groupe de Spa en sont les organisateurs. La ville de Spa est une des villes d'eaux les plus réputées du continent, et dans notre revue illustrée « Tra la Mondo » on peut lire une description de la ville, de ses curiosités, de ses fontaines et de ses alentours. Nous sommes persuadés que l'exposition Espérantiste recevra dans cette charmante cité, un grand et fructueux succès.

**Liége.** — On annonce la fondation d'un nouveau groupe dont le local sera à l'Université. Il a choisi le titre « Espero » (espoir) et a déjà un nombre suffisant d'adhérents. Le président est M. F. Spies et le secrétaire provisoire M. G. Sloutsky, notre samideano russe, bien connu comme propagateur.

Bienvenue à ce nouvel « Espoir ».

**Bruxelles.** — Le groupe « Pioniro » a excursionné le dimanche 14 Juillet dans la forêt de Soigne. Dans quelques jours, il recevra la visite d'espérantistes étrangers qui ont l'intention de s'arrêter à Bruxelles lors de leur voyage vers Cambridge. Le groupe leur réserve un accueil plein de cordialité.

**St. Trond.** — Unu el niaj amikoj, kiu vizitis la ekspozicion nune aranĝita en St. Trond, diris al ni ke Esperanto havos specialan dometon en la ĝardenoj, kie oni ekspozicios la dokumentojn kiujn la tiea grupo rikoltis. Ni rekomendas viziton de tiu elmontro al ĉiuj, kiuj intencas viziti tiun interesplenan ekspozicion.

**Spa.** — Alia ekspozicio de Esperantaj dokumentoj estas organizita en Spa, ĝi estas malfermita de kelkaj tagoj. La Esperantista Societo el Verviers kaj la grupo el Spa organizis ĝin. La urbo Spa estas unu el la plej famaj banurboj de la kontinento kaj en nia ilustrita revuo « Tra la Mondo » oni povas legi priskribon de la urbo, de ĝiaj kuriozaĵoj, de ĝiaj fontoj kaj ĉirkaŭaĵoj. Ni estas certaj ke Esperantista ekspozicio rikoltos en tiu ĉarmplena urbo, grandan kaj fruktodonan sukceson.

**Liége.** — Oni anoncas fondon de nova grupo, de kiu la loko estos en Universitato. Ĝi elektis la titolon « Espero » kaj havas jam sufiĉan nombron da aliĝantoj. La prezidanto estas S[ro] F. Spies kaj la provizora sekretario S[ro] G. Sloutzky, nia rusa samideano, bone konata kiel propagandanto.

Bonvenon al tiu nova « Espero ».

**Bruxelles.** — La grupo « Pioniro » ekskurse promenadis dum la dimanĉo 14[a] de Julio en arbaro « Soigne ». Post kelkaj tagoj, ĝi ricevos viziton de fremdaj esperantistoj, kiuj intencas viziti Bruselon dum ilia vojaĝo al Cambridge. La grupo rezervas por ili tutkoran akcepton.

## VOJAĜO AL CAMBRIDGE.

Laŭ deziro de kelkaj amikoj, ni prezentas tie sube la koston de la biletoj de Bruselo (N.) ĝis Londono. Oni povas akiri tiujn biletojn en la ĉefaj stacidomoj de la lando. Ekzistas ankoraŭ specialan rabaton por la vojaĝo Ostendo-Dover.

I. — *Biletoj uzeblaj dum 8 tagoj* (iro kaj reveno) :

Bruselo (N.) — Londono, trans Ostendo

| 2ª klaso | 3ª klaso |
|---|---|
| fr. 34.05 | fr. 22.85. |

Bruselo (N.) — Londono, trans Antverpeno kaj Harwich

2ª klaso
fr. 23.00

Oni disvendos tiujn biletojn de la 10ª ĝis la 15ª de Aŭgusto.

II. — *Biletoj uzeblaj dum 30 tagoj (iro kaj reveno)* :

Bruselo (N.) — Londono, trans Ostendo

| 2ª klaso | 3ª klaso |
|---|---|
| fr. 65.00 | fr. 43.85 |

Bruselo (N.) — Londono, trans Antverpeno kaj Harwich

2ª klaso
fr. 38.60

Tiuj biletoj estas aĉeteblaj ĉiutempe.

---

## PROBLEMOJ.

**PROBLEMO 44a** (de Sº Weemaes). — Vortoj triangule metotaj : 1e Bela kantbirdo, 2e orienta regiono, 3e popolo, 4e nordlanda arbo, 5e, 6e kaj 7a troveblaj en la vosto de l' birdo.

**PROBLEMO 45a** (de Sº Weemaes). — Montru ke, forigante dek de naŭ dek, oni ricevos centon.

**PROBLEMO 46a** (de Sº Weemaes). — Por legi kaj skribi mi bezonas jenon : nombro + sufikso + pronomo + superflue + konsonanto.

**PROBLEMO 47a** (de Plantano). — Ne konata litero. — Al ĉiu el la sekvantaj vortoj, aldonu unu saman literon por formi per anagramo, novajn vortojn, kies unuaj literoj, akrostike legitaj, memorigos okazintaĵon tre gravan por nia lingvo : logi — pie — dono — voleto — bovine — mia — oke — ado — gajni — fago — italo — pie — ĉeso — taso.

**PROBLEMO 48a**. — Kiel muso povas akiri flugilojn ?

---

Oni sendu la solvojn al Sº J. COOX, 7, rue du Noyer, Bruxelles, antaŭ la 15a de Septembro.
Uzu nur poŝtkartojn por sendi la solvojn, kaj unu poŝtkarton por ĉiu aparta serio.

## SOLVOJ.

**PROBLEMO 33a**. —

I
I N
A N T
A R T E
I N T E R
I N T E R P A R O L O
A N A R O
R A N O
O R O
L A
O

**PROBLEMO 34a**.

S
N U N
N U B O N
S U B I R I S
N O R D A
N I A
S

**PROBLEMO 35a**. — Demono.
**PROBLEMO 36a**. — Vi estas antaŭ mi (aŭ mi estas post vi).
**PROBLEMO 37a**. — I + III = Molo [ML].
II + I = Nomo [NM].
IV + III = Goleto [Gl(eto)].
III + IV = Logo [LG].
Tuto : Monologo [MNLG].
**PROBLEMO 38a**. — Por-cel-ano.

---

**DIVENIS.** — Sº **Weemaes**, ĉiujn ; Soj **Matthys** kaj **Plantano**, ĉiujn krom 36 ; Sº **Lundgren**, 33, 34, 35, 37 ; Fino **Mabil**, 33, 34.

**PROBLEMO 39a**. — Plej bona solvo :

K A T E D R O
K M E S I O R
A M O P E P E
T E O E I A M
E S P E R A N T O
D I E A O R N
R O I N O E T
O P A T R E O
R E M O N T O

**PROBLEMO 40a** *E*nlasi; *s*eminario; *p*ostuli; *e*duki; *r*ampi; *a*sekuro; *n*aŭzo; *t*ondilo; *o*ficisto — Esperanto.
**PROBLEMO 41a** — So-no-ri-lo.
**PROBLEMO 42a** — Ark-it-ek-turisto.
**PROBLEMO 43a** — A-ritme-tiko.

---

**DIVENIS.** — Soj **Mathys** kaj **Lundgren** ĉiujn ; Fino **Mabil** ĉiujn krom 42 ; Sino **Bastoul**, ĉiujn krom 41.

# Principaux Manuels en langue française.

*en vente aux dépôts de la Maison* HACHETTE & C[ie].

**Grammaire et exercices de la Langue Internationale Esperanto** par L. DE BEAUFRONT. fr. 1.50
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . » 0.75
**L'Esperanto en 10 leçons** par TH. CART et M. PAGNIER . . . . . . » 0.75
**Corrigé** de cet ouvrage . . . . . . . . . . . . » 0.50
**Dictionnaire Esperanto-Français** par L. DE BEAUFRONT. . . . . . . » 1.50
**Vocabulaire Français-Esperanto** par TH. CART, M. MERCKENS et P. BERTHELOT . » 2.50
**Thèmes d'application** par L. DE BEAUFRONT . . . . . . . . » 2.00
**Cours complet d'Esperanto**, par le COMM[t] MATTON . . . . . . . . » 1.50
Tous ces prix s'entendent : port en plus.

# Nederlandsche Handboeken.

Bij den schrijver te Hilversum (Holland): **Volledig Leerboek der opkomende wereldtaal Esperanto**, door DREVES UITTERDIJCK, Trompschool, Hilversum : fl. 1.50 (fr. 3.25)
Bij den drukker van *La Belga Sonorilo*, Nieuwe Wandeling, 4, Brugge : **Het Esperanto in 10 lessen**. . . . . . . . . . . . . . fr. 0.50
Verzendingskosten daarboven.

## Publications Espérantistes belges.

Esperantaj Belgaj Presaĵoj

Ĉe : A. J. WITTERYCK, 4, N[lle] Promenade. Bruges.

**Het Esperanto in 10 lessen**, de A.-J. Witteryck 0.50
**Volledige Spraakleer** van het Esperanto, de A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0,25
**Paĝoj el la Flandra Literaturo**, kolektitaj kaj tradukitaj de D[ro] Maurice Seynaeve kaj D[ro] Raym. Van Melckebeke . . 1.50 (60 Sd.)
**Blinda Rozo** de Hendrik Conscience, esperantigita de S[rino] Edm. Van Melckebeke-Van Hove. . . . . . . . 1.00 (40 Sd.)
**Tra Mez-Afriko**, de K[to] Ch. Lemaire. . 2.50 (1 Sm.)
**Companion** of the English Esperantist, by A.-J. Witteryck. . . . . . . . . . 0.50
**Kelkaj floroj esperantaj**, 3 broŝuretoj de A.-J. Witteryck. . . . aparte 0.20 (8 Sd.)
**Résumé de grammaire** Esperanto, d'après L. de Beaufront, par le L[t] Colonel de Troyer 0.25
**Esperanto à l'usage des Français**, par H. Palmer 1.25

Ĉe : S[ro] E. MATHYS.
urba instruisto kaj profesoro belarta, Louvain.

**Manuel complet** de langue Internationale Esperanto par les méthodes analytique et synthétique . . . . . . . . . 0.30

Ĉe : Madame P. DUBOIS.
Grande Imprimerie du Centre, La Louvière.

**Cours méthodique**, d'Esperanto publié par «L'Instituteur Belge» . . . . . . 0.65

Ĉe : W[e] DEMARTEAU-THYS & ZOON.
Hasseltschestraat, 21, Tongeren.

**Het Wetenschappelijk** vraagstuk eener kunstmatige taal, door J. Neerdaels . . . . 0.50

Ĉe VAN HILLE-DE BACKER.
Zirkstraat, 35, Antwerpen.

**La ĉiutaga Vivo**, de S[roj] Swagers kaj Finet fr. 1.00, (40 Sd.)

**Aldonu la koston de la sendo.**

| Ces prix s'entendent port en plus. | Bij deze prijzen zijn de verzendingskosten niet gerekend. |
|---|---|

# L'ESPERANTO.

**Solution du problème de la Langue Internation. auxiliaire**

BROCHURE DE PROPAGANDE.

*NOUVELLE ÉDITION. — 1[er] JANVIER 1907.*

PRIX :
| | | |
|---|---|---|
| Un exemplaire franco | . . | 0.10 fr. |
| 10 exemplaires | . . . . | 1.00 » |
| 20 » | . . . . | 1.50 » |
| 50 » | . . . . | 3.50 » |
| 100 » | . . . . | 6.50 » |

Specimen gratuit
S'adresser par écrit, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles

## Belgaj Ligaj Grupoj.

**Antverpena Grupo Esperantista.** Prezidanto : Dro Raym. Van Melckebeke, 22, avenue des Arts, Anvers.
Sidejo : Taverne Royale, 39, place Verte, Anvers.

**Pioniro,** Esperantista Brusela Grupo. Prezidanto : Sro Lucien Blanjean, 83, r. du Collège, Ixelles-Bruxelles.
Sekretario : Sro Octave Chalon, 34, rue Van Ostade, Bruxelles.
Sidejo : La Louve, 5, Grand'place, Bruxelles.

**Esperantista Societo,** en Verviers. Prezidanto : Sro Edouard Mathieu, 45, rue de la Montagne, Verviers.
Sidejo : 20, place Verte, Verviers.

**Grupo Esperantista,** en Huy. Prezidanto : Sro Thiry, commissaire-voyer, Huy.

**Liera Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro Mengal, kapitano komandanto, Lierre.

**Bruĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro A-J. Witteryck, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

**La Semanto,** Grupo en Laeken. Prezidanto : Sro H. Calais, 23, rue du Chemin de Fer, Bruxelles.

**Grupo Esperantista,** en Duffel. Prezidanto : Dro L. Jacobs, Duffel.

---

## Aliaj Belgaj Grupoj.

**Section Espérantiste,** du Cercle Polyglotte de Bruxelles.
Sekretario : So Luc. Blanjean, 83, rue du Collège, Ixelles-Bruxelles.

**Lieĝa Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro E. de Troyer, 28, Rue César Franck, Liége.
Sekretario : Sro Ansiaux, 29, rue St Gilles, Liége.

**Esperantista Lovena Grupo,** en Louvain. Prezidanto : Sro Advokato Edm. Van Dieren, Ste Barbarastraat, 14, Louvain.

**Grupo de la garnizono,** en Namur. Prezidanto : So Bisman, Kapitano de la 13a linia regimento.
Sidejo : Hôtel de Hollande, Namur.

**Berchema Grupo Esperantista.** Prezidanto : Sro prof. Ant. Havermans.
Sidejo : Café des Arts, Berchem.

**La Verda Stelo.** Prezidanto : Sro Fr. Schoofs.
Sidejo : Café Zomerhof, 32, place de l'Aurore, Anvers.

**Espero,** Lieĝa Esperantista Societo. Prezidanto : Sro F. Spies, 5, rue sur la Fontaine.
Provizora Sekretario : Sro G. Sloutzky, 34, rue Nysten.

**Woluwa Blindulgrupo Esperantista.** Sidejo : Institut Royal des Sourds-Muets et des Aveugles, 72, Avenue Georges Henri, Bruxelles.

**Aliaj Grupoj** en St. Gilles, Namur, Malines, Gand, Andenne, Antoing, Renaix, Spa, Gembloux, Nivelles, St Trond, k. c.

---